# juna amiko

N-ro 77
96/2

Internacia Kvaronjara Lernejana Revuo en Esperanto




# ilei

Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj

*Rekoni* Rekoni

REKONI Rekoni

REKONI

Ruĝan vizaĝon havas la redaktoro, ĉar li devas rekoni, eĉ konfesi, ke ĉi tiu numero de la revuo ege malfruas. Li petas vian komprenemon, kaj esperas, ke la enhavo tamen plaĉos al vi.

Estas klarigo — redaktoro devis forte labori por verki multan materialon por akompana libro por la vidbendo *Mazi en Gondolando*. Fragmenton de tiu laboro vi rekonos eĉ en tiu ĉi numero.

Kiam oni ricevos ĉi tiun numeron en la norda hemisfero, estos baldaŭ la komenco de la nova lerneja jaro; ni esperas, ke la numero bone utilos en novaj klasoj, ankaŭ por re-bonvenigi veteranajn lernantojn.

Okaze de la nova lerneja jaro (kaj por pardonpeti pro niaj malfruigaj pekoj) ni aldonas libro-mendilon al la revuo, kun kelkaj belaj rabatoj ekskluzive por legantoj de *Juna amiko*.

Ni kuraĝe formu novajn Esperanto-klasojn, ni entuziasme eklernu, plulernu, korespondu, salutu unu la alian, eble eĉ vizitu unu la alian; ni rompu la barojn inter la landoj kaj la lingvoj.

Instruistoj kaj lernantoj kune — ĉiu rekonu la apartajn kaj unikajn utilojn de Esperanto kaj ĝoje ni praktiku ilin, kune kun via propra amiko, ĉi tiu, kiu ĉiam pli kaj pli aĝiĝas, sed restas obstine *juna*.

Via rekone rakontonta redaktoro

Stefan MacGill

Stefan MacGill
30 majo 96

**Juna amiko**
aperas kvarfoje jare

**Abonprezoj 1996 kaj 97**

*Tarif-grupo 1:*

| | 1 ekz | 2-9 | >10 |
|---|---|---|---|
| NLG | 19 | 15 | 10 |
| SEK | 85 | 65 | 45 |
| FRF | 55 | 45 | 30 |
| GBP | 7 | 5.5 | 4 |
| DEM | 17 | 13 | 9 |
| USD | 12 | 9 | 6 |

*Tarifo 2: Latinameriko*

| | | | |
|---|---|---|---|
| NLG | 9 | 7 | 5 |
| USD | 6 | 4.5 | 3 |

*Tarifo 3: Rusio, ktp.*

| | | | |
|---|---|---|---|
| DEM | 6 | 4.5 | 3.5 |
| USD | 5 | 4 | 3 |
| NLG | 7 | 5.5 | 4 |
| HUF | 600 | 450 | 350 |
| IRPK | 7 | 5 | 4 |

*Tarifo 4: Najbaroj*

| | | | |
|---|---|---|---|
| DEM | 4.5 | 3.5 | 2.5 |
| USD | 3.5 | 3 | 2 |
| NLG | 5 | 4 | 3 |
| HUF | 450 | 350 | 250 |
| IRPK | 5 | 4 | 3 |

*Tarifo 5: Hungario*

| | | | |
|---|---|---|---|
| HUF | 360 | 280 | 220 |

*Hungara peranto:*
Mónika Molnár, Ságvári.u. 21, HU-9735 Csepreg.

Pli ol 20 ekz. al unu adreso, petu eĉ pli grandan rabaton!

**Senŝanĝaj abontarifoj por 1997** (krom en forintoj).

**Juna amiko, pf. 193, HU-1368 Budapest, Hungario**

ISSN 0230 1314




IĈLM, 3876
Belmont Ave
San Diego
CA 92116
Usono

Serĉu ilin:

arbo
kato
kruco
lernejo
muso
ombrelo
pluvo
pordo
preĝejo
sonorilo
trunko
du knaboj
du pordoj
tri branĉoj
sep nuboj
dek birdoj
dudek tri fenestroj

Via unua tasko estas rekoni objektojn en la suba bildo de urbo. Poste Mazi venas el la kosmo kaj havas problemojn rekoni niajn fruktojn. Poste vi devas rekoni dek naŭ lingvojn. Kaj poste... nu, plu legu mem!




de Isaiah Mitchell, aĝo 10, Lernejo Edward Hardy, San Diego, Kalifornio

# MAZI NE REKONAS ĜIN!

*Mazi venas el la kosmo. Li ĵus vojaĝis al nia tero per kosmo-ŝipo. Li ne konas nian Teron. Li ne rekonas la objektojn, kiujn li vidas en niaj butikoj. Aktoru la dialogon. Ĝi rilatas al la dua parto de la vidbendo* Mazi en Gondolando: *Mazi promenas de la kosmo-ŝipo al urbo. Li estas malsata. Li vidas butikon. Li eniras ĝin kaj montras objektojn:*



**Butikisto:** Bonan tagon, sinjoro... sinjoro...
**Mazi:** Mazi! Bonan tagon! Kio estas ĝi? Mi ne rekonas ĝin.
**Butikisto:** Ĝi estas pruno. Manĝu ĝin!
**Mazi:** Ble! Malbongusta! Mi ne ŝatas ĝin. Mi ne ŝatas prunojn.
**Butikisto:** Mi havas aliajn fruktojn. Gustumu tion.
**Mazi:** Kio ĝi estas? Mi ne rekonas ĝin.
**Butikisto:** Ĝi estas persiko. Manĝu ĝin!
**Mazi:** Ble! Malbongusta! Mi ne ŝatas ĝin. Mi ne ŝatas persikojn.
**Butikisto:** Mi havas aliajn fruktojn. Gustumu tion.
**Mazi:** Kio ĝi estas? Mi ne rekonas ĝin.
**Butikisto:** Ĝi estas banano. Manĝu ĝin!
**Mazi:** Ble! Malbongusta! Mi ne ŝatas ĝin. Mi ne ŝatas bananojn
**Butikisto:** Ve! Vi ne ŝatas prunojn, persikojn kaj bananojn...
**Mazi:** Kio estas tio? Mi ne rekonas ĝin.
**Butikisto:** Kio? Tio? Tio estas park-horloĝo. Ne manĝu ĝin!
**Mazi:** *Glut! Krunĉ!* Bongusta! Mi ŝatas ĝin. Mi manĝas ilin! Unu...
**Butikisto:** Helpu! Helpu! *(Li forkuras al policisto)*
**Mazi:** *Ĉomp!* Du... *Krunĉ* Tri... *Maĉ!* Kvar... *Ŝlup!* Kvin... *Gronĉ!*
**Butikisto** *(al policisto):* La verda monstro manĝas la park-horloĝojn!
**Policisto** *(en radion)*: Policistoj! Venu! Arestu la verdan monstron!
*(Multaj policistoj enkuras kaj kaptas la kompatindan monstron.)*



*Aktoru la scenon denove. Mazi iras al aliaj butikoj.*

1. **Pan-butiko** kun panoj, bulkoj kaj sandviĉoj. Mazi preferas horloĝon!
2. **Viand-butiko** kun kolbasoj, ŝinkoj kaj bifsteko. Mazi ŝatas la pesilon!
3. **Legom-butiko** kun karotoj, pizoj kaj tomatoj. (kaj komputilo!).
4. **Dolĉaĵ-butiko** kun kukoj, tortoj kaj glaciaĵoj (kaj kas-maŝino!)

# Rekonu la lingvojn!

Jen mallonga kaj grava teksto en 19 lingvoj. La tekstojn eldonis IĈLM antaŭ kelkaj jaroj, kiel kontraŭ-milita broŝuro. Ĉu vi povas rekoni la 19 lingvojn? Ili estas en 8 alfabetoj. Sendu al ni la liston de la respondoj, kaj vi eble gajnos bonan premion!







































Vi povas sendi viajn respondojn per la folio sur paĝo 14!







Tio validas por ĉiu konkurso en ĉi tiu numero!












# ILI NE REKONAS LA PROPRAN FILINON!

*En parto 4 de la vidbendo* Mazi en Gondolando, *Korvaks kreis multajn princinojn per la komputilo. Reĝo kaj Reĝino ne scias tion. La vera Silvja diris al ili, ke ŝi havas kap-doloron. La falsaj princinoj ne havas kap-dolorojn! Reĝino renkontas falsan (pseŭdan) princinon:*

**Reĝino:** Saluton, Silvja, ĉu vi ankoraŭ malsanas?
**Falsa Silvja 1:** Mi? Malsanas!? Ne, mi estas tute sana!
**Reĝino:** Bone! Kien vi iras?
**Falsa Silvja 1:** Mi iras al la naĝejo. Mi iras naĝi! Ĝis!
**Reĝino:** Agrablan naĝadon, kara!



*Reĝo renkontas alian falsan princinon*

**Reĝo:** Saluton, Silvja. Kiel vi fartas nun? Ĉu pli bone?
**Falsa Silvja 2:** Mi? Ĉu pli bone? Ho, jes! Mi fartas tute bone!
**Reĝo:** Bone, bone! Kien vi iras nun?
**Falsa Silvja 2:** Mi iras al la tenis-ludejo. Mi iras ludi.
**Reĝo:** Agrablan ludadon, kara!

*Reĝo renkontas Reĝinon.*
**Reĝo:** Silvja jam pli bone fartas. Ŝi ludas tenison.
**Reĝino:** Ĉu ŝi ludas tenison!? Ne, tute ne! Ŝi naĝas nun.
*(Alvenas tria falsa princino, kiu rajdas sur ĉevalo!)*
**Falsa Silvja 3:** Saluton, Paĉjo , Panjo! *(Reĝo kaj Reĝino svenas!)*

***Aktoru tiujn scenojn, poste ripetu ilin kun aliaj falsaj princinoj!***

| | | |
|---|---|---|
| Silvja3: ludos korbo-pilkon. | Silvja4: dancos. | Silvja5: biciklas. |
| Silvja6: ludos golfon. | Silvja5: kuros. | Silvja6: rulsketas. |
| Silvja7: gimnastikos. | Silvja8: kantos. | Silvja9: kosmoŝipas. |

Infanaj amantoj de Mazi ĝojos pro la apero de plen-kolora kaj bildo-plena **aktiviga libro**. Ĝi havas 96 paĝojn, el kiuj multaj estas kartonaj, kun eltondeblaj fingro-pupoj de Silvja, Reĝo, Korvaks kaj la aliaj. La aŭtorino, Barbara Chmielewska, konata pro redaktado de nia fratina bulteno *Kara amiko*, en Varsovio, scias bone prepari materialon por tre junaj esperantistoj. La libro taŭgas kaj por grupa kaj por sola uzo (necesa pro la ĵus lanĉita televid-stacia versio de la bendo). Bildaj parigaj ekzercoj abundas, enestas tabul- kaj domenludoj. Mendu de IEI, Riouwstr. 172, NL-2585 HW Den Haag, aŭ de UEA.

# Rekonu la agojn!

***Ĉiu respondo estas verbo kun -i finaĵo (infinitivo).***

1. Iri surtere per propra forto kun unu el du piedoj ĉiam sur la tero.
2. Preni rolon kaj ŝajnigi, ke oni estas iu alia, eble en teatro.
3. Moviĝi tra la aero. Birdoj povas fari tion; ni bezonas aviadilon.
4. Diri "Ĝis revido" kiam oni foriros dum longa tempo.
5. Doni informon, kiun oni petis per demando.
6. Iri surtere per propra forto, sed foje neniu piedo tuŝas la teron.
7. Formi pensan bildon en la menso, eble de okazonta evento.
8. Moviĝi tra akvo per ritmaj movoj de brakoj kaj kruroj.
9. Movi ion (eble vin mem), tiel ke ĝi aŭ vi rondiru.
10. Sekvi la ordonojn de iu alia (viaj gepatroj aŭ instruistoj, eble.)



***Nun prenu la komenc-literojn de la verboj en la donita ordo, kaj vi ricevos vorton, kiu priskribas la faman svison, Vilhelmo Tell.***



**Kokino estas mirinda besto!**
**Ĝi rekonas la grandecon de niaj ovo-tenujoj kaj demetas ovojn de precize la ĝusta grandeco !**

Jen skeĉo verkita somere de 1995 de kursanoj ĉe la San-Franciska Ŝtata Universitato, kiam Spomenka Stimec kaj Atiljo Orellano Rojas estis kurs-gvidantoj. Esperantistoj ŝatas viziti kongresojn, sed estas problemo eniri, se la kongresa kotizo estas tro alta. Kion faru la 'sovaĝa' kongresano — tio estas, kiu ne pagis kaj ne havas nom-ŝildon? La pordisto havas la taskon rekoni kaj haltigi tiujn homojn.

## KIEL REKONI KONGRESANON SEN NOMŜILDO

*Pordisto (P) staras ĉe la enirejo de la kongreso. Kelkaj kongresanoj preterpasas ŝin kaj ŝi kontrolas ĉu ĉiu havas nom-ŝildon. Post diversaj provoj inter la unuaj enirantoj, Sovaĝa Kongresanino (SK) provas eniri marŝante malantaŭen kun dorso al la Pordisto.*


Pavel Rak

**P:** Momenton. Kie estas via nomŝildo?

**SK:** Hmmm? Ĉu vi demandis min? Ĉu vi ne rimarkis ke mi estas survoje *el* la kongresejo?

**P:** Vi ne povas tiel facile trompi min.

**SK:** Do mi iom ŝercas. Vere, mi ĝuste nun alvenis kaj ne ricevis la kongresan materialon. Sed mi ne volas maltrafi la paroladon de tiu fama mondvojaĝanto, Atiljo Orellana Rojas. Mi iros aŭskulti lin kaj poste iros por la materialo.

**P:** Mi bedaŭras, mi ne povas permesi...

**A:** Saluton, SoKo. Vi aspektas bele post tiu preskaŭ diboĉa tut-nokta festo pasintan nokton. Plaĉis al mi ke vi venis sufiĉe frue por festi kun ni. Ĝis la trinkejo, ĉi-vespere.

**P:** Do, vi ĝuste nun alvenis...?? Mi opinias, ke eble vi estas sovaĝa kongresano.

**SK:** Tute ne! Tute ne! Sed la vero estas ke mi perdis mian mon-sakon kaj la nomŝildo estas en ĝi. Se mi nur havus mian mon-sakon mi povus montri al vi mian nomŝildon.

**P:** Jes, tio multe helpus — sed...

**B:** SoKo, SoKo! Jen via mon-sako. Mi ne povas plu teni ĝin por vi ĉar mi ricevis pli allogan proponon. Do jen.... mi vidos vin poste.

**SK:** Tio feliĉigas min. Nu, dankon. Nun mi povas eniri.

**P:** Unue montru al mi vian nomŝildon.

**SK** *(serĉas diligente)*: Ho ne! Ŝajne ĝi perdiĝis. Sed vi estas simpatia homo. Vi scias ke mi ne mensogus.

**P:** Ne gravas kion mi kredas. Mi devas vidi vian nomŝildon.

**SK:** Do fakte la vero estis ke mi uzis ĝin kiel paĝ-indikilon en mia plej ŝatata libro *Kroata milita noktlibro* de Spomenka Stimec. Ŝi kaj mi estas bonegaj amikoj. Certe vi kredas amikon de ŝi.

**P:** Nuuuuuuuu...

**C** *(alvenas)*: Ho, tie vi estas. Mi volas redoni al vi vian libron, *Kroata milita nokt-libro*. Mi esperas, ke vi havos la okazon renkonti la aŭtoron kaj konatiĝi kun ŝi, laŭ via plano!

**SK** *(iom ironie)*: Dankon, amiko mia.

**P:** Do nun, montru al mi vian nomŝildon — amiko de Spomenka Stimec!

**SK:** Jes, certe. (*Trafoliumas la paĝojn sensukcese.*) Sed ĉu vi ne rimarkis kiom varme estas en ĉi tiu ĉambro? Mi eksvenos, se mi ne tuj sidiĝos. Helpu min al tiu sidloko interne. Fakte, mi estas iom graveda...

**P:** Atendu, mi ankoraŭ ne kredas vin. Mi helpos al vi sidi sur ĉi tiun seĝon. *(Indikas apud-pordan seĝon.)* Dume vi povas serĉi vian nomŝildon.

**SK:** Ho ve! Vi estas tiel senkompata. Jen malgranda mi, sola ĉe grandega kongreso — iom malsana, kaj baldaŭ patrino por la unua fojo. Kaj vi konstante petas de mi la nomŝildon. Se mi nur havus familianon ĉi tie por helpi al mi.

**D** *(infano alkuras)*: Panjo, panjo! Paĉjo diris ke li ne povas plu atendi. Ĉu vi sukcese konvinkis la pordiston permesi al vi eniri? Mi kaj miaj ses gefratoj volas iri al la infana kongreso por hazarde partopreni ĝin senpage.

**P:** Do alia mensogo. Ŝajne vi havas vian tutan familion ĉi tie. Vi vere estas Sovaĝa Kongresano!!

**SK:** BONEGE!! Mi miras, kiel bone vi faras vian laboron. Mi nun devas diri al vi la tutan veron. Mi estras kontrol-komitaton kiu serĉas la plej bonan laboriston ĉe la kongreso. Vi certe gajnos la premion. Do ni kune eniru por ricevi vian medalon!

| | | |
|---|---|---|
| trompi: mis-gvidi | diboĉa: amuzega | sveni: perdi konscion. |
| mensogi: diri malveron. | alloga: tre agrabla, bona | graveda: naskonta bebon. |

# Ni rekonas ricevaĵojn

🔔 Prov-kasedo de kantoj el *Fantaziaĵoj kaj Kantoj por Infanoj* aperis. La kantlibron verkis norvego Jon Rømmesmo kaj eldonis ILEI, kiu volonte akceptis la proponon de IĈLM (Infanoj Ĉirkaŭ la Mondo) prepari por ĝi son-kasedon. La Ligo nun decidos ĉu progresi al publika eldono. Kantistoj Janico kaj Johano Atkinson prezentas la unuan strofon de 24 kantoj, per voĉo kaj gitaro. Tiel ili donas ĉiujn melodiojn bezonatajn por ĉiu kanto en la libro. Sur la posta paĝo ni aperigas kanton el la libro kaj post tio aperas mendilo per kiu oni povas aĉeti la libron.

🕮 *Ardes* devis esti 20 ĝis 40-paĝa lerno- kaj lego-libro por infanoj, kiu insistis kreski ĝis la dimensioj de fantazia 180-paĝa romano. Ĝin verkis Bonifaco Tornado, kiu estas fakte la plum-nomo de veterana rusa esperantisto Boris Tokarev. Eldonis Impulso.

🔔 *Vinilkosmo II*, jen dua son-kasedo kiu kunigas la muzikon de la plej diversaj esperantaj artistoj: i.a. Martin el grupo Persone, Milan el Team', Mieke el Amplifiki, JoMo, F-ino Emily Barlaston... Du kantoj venas de afikaj grupoj kaj tuŝas evolu-problemojn. La artisma kaj teknika kvalito estas vere bona . Teksto-libreto akompanas la kasedon, en *ROK-Gazet'* aperos pli plenaj prezentoj de la kunlaborintaj artistoj. Sonkasedo: 70 FRF, 23 NLG, 14 IRK. Kompakt-disko: 120 FRF, 39 NLG, 24 IRK. Mendu: Eurokka, FR-31450 Donneville, Francio; tel.: (33) 61 81 95 65.

🕮 *Ŝtupo post ŝtupo* (gvidlibro por esperantistoj); prov-eldono de Baksa József, Zalaegerszeg, Hungario. 🕮 *Mondiaal*, Nederland-lingva E-kurso por infanoj (kun aldonita Esperanta klarigilo) de Ton Verwoerd. De la sama loko: *Vivu la kanto*, 45 porinfanaj kantoj kun muzik-notoj, desegnaĵoj kaj konsiloj. 🕮 Nova alloga aspekto por *Bona espero*, la E-gazeto el Sud-afriko, kies redaktadon reprenis Cobus Zeelie. 🕮 Bela foto kaj raporto de E-klaso en lernejo Montessori en Perto, Aŭstralio. 🕮 Modele bona 16-paĝa kongreslibro speciale preparita por gejunuloj 5–16-jaraj, kiuj ĝuis apartan programaron dum la 80a brita E-kongreso en aprilo 96. 🕮 *Eŭropa kalendaro 1997-98*. Lernu ĉiutage unu vorton en Esperanto, la latina kaj en la 13 lingvoj de la Eŭropa Unio. Mendu: E-Klubo, Kleinenberger Weg 16, DE-33100 Paderborn, Germanio. 🕮 *Alvoko* kaj *Ondo da Vero*, du interesaj revuoj el Togolando. 🕮 La kovrilo de nia 75a numero de *Juna amiko* aperis en la kataluna gazeto *Illacrua* 33 ilustrante du-paĝan informan artikolon pri Esperanto.

Ĉu vi povas rekoni birdo-kantojn? Se vi aŭdas tian kanton, ĉu vi povas nomi la precizan birdon, kiu kantas? Kiom da birdo-nomoj vi konas en Esperanto? Kaj en via hejma lingvo? Ĉu vi scias la diferencon inter pasero kaj vulturo? (Se ne, prefere ne perdiĝu en dezerto!)

Imagu, via redaktoro paŝadis je la sesa horo matene kun dudeko da kursanoj de la somera E-lernejo en Jyväskylä, Finnlando, al arbara lago por binokle rigardi birdojn kaj aŭskulti iliajn kantojn (vulturoj ne estis).

En alia norda lando, Norvegio, vivas s-ro Rømmesmo, kiu metis kanton pri kukolo en sian libron *Fantaziaĵoj kaj kantoj por infanoj*. Jen ĝi, provu ĝin! Se vi ĝuas tion, via instruisto aŭ gepatroj povos aĉeti la libron per la apuda mendilo.



# Mendilo por libroj de ILEI

Eltondu aŭ fotokopiu kaj sendu al: ILEI, pf. 193, H-1368, Hungario.

| Titolo | NLG | SEK | HUF | Kvanto | Sumo |
|---|---|---|---|---|---|
| Fantaziaĵoj kaj Kantoj... | 12 | 50 | 320 | ______ | ______ |
| Tendaraj tagoj 1 | 12 | 50 | 120 | ______ | ______ |
| Tendaraj tagoj 2 * | 15 | 60 | 140 | ______ | ______ |
| Tendaraj tagoj 3 | 16 | 65 | 250 | ______ | ______ |
| TT kompleto | 39 | 160 | 420 | ______ | ______ |
| Teorio kaj praktiko de lingvo -instruado (Szanser) | 24 | 96 | 600 | ______ | ______ |
| Nesto de Viperoj (Nemere) * | 15 | 60 | 500 | ______ | ______ |
| Oni ne pafas en Jamburg * | 15 | 60 | 500 | ______ | ______ |
| Malfacilas esti Dio * | 15 | 60 | 500 | ______ | ______ |
| Rememoroj de centrocenta E-isto * | 15 | 60 | 500 | ______ | ______ |
| Kantoj de M. Bronŝtejn (32p) * | 8 | 35 | 250 | ______ | ______ |
| Ardes (B. Tornado) * | 18 | 80 | 600 | ______ | ______ |
| Unua Libro por Rusoj (represo) * | 8 | 35 | 250 | ______ | ______ |

* Limigitaj kvantoj; mendoj plenumotaj en alvena vicordo.

Se via mendo sumas je pli ol 100 NLG, forprenu **20%**. Se pli ol 200 NLG, vi rajtas je **triona** rabato. Bv. ne antaŭpagi la mendojn, atendu fakturon. Pagoj al la konto *ilek-a* ĉe UEA en *guldenoj*, ĉu al la kasisto de ILEI en *svedaj kronoj* (la fakturo donos pag-informojn). La prezoj en NLG kaj SEK **inkluzivas** la surfacajn sendokostojn.

La prezoj en HUF estas **nur** por loĝantoj de reform-eŭropo kaj **ne** inkluzivas sendokostojn. Pagu al Budapesto. forinte, per konverteblaj valutoj aŭ irpk. (1= 80 HUF)

ILEI ofertas specialajn rabatojn, pro la nova lerneja jaro, por TT1 kaj TT3. Ĉi tiuj rabatoj validas nur ĉe ILEI; ĉe la libroservo de UEA normalaj prezoj validas, kaj tiuj ne inkluzivas la sendokostojn.

Nomo: ____________________________________________

Adreso: ____________________________________________

Subskribo: ____________________ Dato: ____________________

## Folio por konkurs-respondoj, korespond-petoj kaj raportoj pri Esperanto-instruado (1996/7)

♦ *Paĝoj 5 kaj 6: Nomu la dek naŭ lingvojn:*

1.________ 2.________ 3.________ 4.________
5.________ 6.________ 7.________ 8.________
9.________ 10.________ 11.________ 12.________
13.________ 14.________ 15.________ 16.________
17.________ 18.________ 19.________

♦ *Paĝo 8: Vilhelmo Tell estas* ☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐

♦ *Paĝo 15: La formo:* ☐☐☐☐☐ *La objekto:* ☐☐☐☐

♦ *Paĝo 19: La komputile priskribita vorto estas:* ☐☐☐☐☐

♦ *Paĝo 20: Prenu la literojn el la krucenigmaj kvadratoj 9, 11 ,6, 1, 2:*

*Neniu rekonos vin, se vi sukcesas vin mem* ☐☐☐☐☐.

♦ *Paĝo 21: La tuŝon, kiun kato ŝatas:* ☐☐☐☐☐☐☐☐

*La reago:* ☐☐☐☐☐☐☐☐☐☐.

♦ *Paĝoj 23 kaj 24: Nomu la naŭ famulojn:*

1.________ 2.________ 3.________
4.________ 5.________ 6.________
7.________ 8.________ 9.________

*Mi estas* ☐ *malpli ol 16-jara* ☐ *instruisto. Miaj premi-preferoj estas:*

☐ Trezoro (Du-voluma Proza Antologio) ☐ Ardes (fantazia romano)
☐ Metropoliteno (romano) ☐ Tendaraj tagoj, volumo III.
☐ Fantaziaĵoj kaj Kantoj ☐ Esperanto por ni (infana aktiv-libro)

En la sekva spaco skribu tekston por senpaga korespond-peto, aŭ por doni raporton pri Esperanta-klaso en 1996/97:

________________________________
________________________________
________________________________
________________________________

*(Nepre aldonu vian nomon kaj adreson dorsflanke antaŭ ol resendi!)*

# Rekonu la formojn!

Jen kvin difinoj en kestoj. Ĉiu havas punkton. Jen naŭ objektoj por rekoni, laŭ la formoj. Ĉiu objekto havas punkton. Ligu la punktojn de la kvin difinoj kun la punktoj de la kvin objektoj difinitaj. Vi desegnos kvin liniojn. Ili kreos formon. Skribu la nomon de tiu formo en la kestoj ĉi tie. ➘

Kontrolu! Skribu la komenc-literojn de objektoj unu ĝis kvin. Ili nomos la saman objekton. Kie ĝi videblas?



1 Ĝi estas ujo, kutime kun du teniloj. Vi povas porti objektojn en ĝi.



2 Ĝi estas muzika instrumento, kiun oni devas blovi.





3 Ĝi estas besto, mamulo, kun multaj pikaj pingloj sur la dorso.



Ĝi ŝirmas nin kontraŭ pluvo aŭ sunbrilo. En pluva vetero, ĝi helpas al ni resti sekaj. 5





4 Ĝi bezonas elektron kaj donas al ni lumon, kiam ni enŝaltas ĝin.





Vi ne uzis kvar objektojn. Iliaj komenc-literoj formos alian vorton, kun ligo al tiu supre. Skribu la novan vorton sube, kaj desegnu la objekton dekstre. ➔





# Ĉu mi vere povas legi?



Kiom da jaroj vi bezonis lerni legi? Ses, sep, ok? Homoj estas tre inteligentaj. Ĉu homoj povas konstrui maŝinojn, kiuj kapablas legi? Nu, parte. En la lastaj jaroj komputiloj sukcesas legi tajpitajn kaj presitajn tekstojn. Sed ĉu ili vere kapablas legi?

Kiam vi legas tekston, unue vi rekonas la formojn de la literoj aŭ vortoj. Poste vi donas signifojn al la vortoj, por ke vi komprenu la frazon. La nunaj komputiloj ne vere komprenas kion ili legas, ili fakte nur rekonas la litero-formojn kaj eventuale komparas iliajn liter-grupajn solvojn kun donita komputila vortaro por kontroli, ĉu iliaj rekonitaj literoj fakte formas akcepteblajn vortojn aŭ ne.

## Ne vere. Mi rekonas literojn. Sed unue, mi bezonas bildon de ili.




Kiel doni al komputilo bildon de viaj literoj? Por tio ni bezonas skanilon. Tio estas maŝino, kiu povas sensi la helajn kaj malhelajn partojn de tajpita aŭ presita paĝo. Ĝi kreas elektronikan bildon, kiu konsistas el nigraj aŭ blankaj punktoj (pikseloj). Komputiloj akceptas informojn en du-simbola lingvo: *Nulo* (0) reprezentas blankan punkton kaj *Unu* (1) nigran. Por rekoni tekston sukcese, plej bone estas uzi 300 punktojn en colo (t.e. ĉ. 120 punktoj en centimetro). Do, ĉiu pikselo havas diametron de 0.08mm. Averaĝa litero havos larĝon de 5 ĝis 25 pikseloj. Komputila bildo (bitmapo) de ĉi tiu paĝo sekve bezonus ĉirkaŭ 5 milionojn da pikseloj aŭ bitoj, t.e. 650 mil bajtojn (kilobajtojn).

Fotokopiilo estas pli konata maŝino ol skanilo, sed tre simila. Ĝi unue skanas vian originalan paĝon. Anstataŭ doni la skanan rezulton al komputilo ĝi donas ĝin al la propra printilo, kiu tuj faras por vi kopion de la originala paĝo.

Skaniloj kaj kopiiloj havas ŝaltilon por ŝanĝi la helecon. Uzanto povas decidi, kiom malhela devas esti punkto por ricevi la valoron (1): nigra. Sukcesa teksto-rekono postulas bonan ekvilibron inter helo kaj malhelo. Tro hela mezuro rezultas en tranĉitaj litero-formoj (figuro 1). Tro malhela mezuro rezultas en kungluitaj literoj (figuro 2), kaj iliaj fermitaj areoj ("truoj") eble pleniĝas. Se la literoj aŭ ciferoj (karaktroj) ne estas klaraj, iliaj bildoj povas esti malbonaj. Tiam, la komputilo havas problemon

Figuro 1: tro hela bildo; karaktroj rompitaj

Figuro 2: Tro malhela; karaktroj tuŝantaj.

Figuro 3: Tre malfacila kazo; Rompoj kaj tuŝoj kune.

decidi kie kuŝas la limoj inter najbaraj karaktroj, ekzemple la cifero **3.000** en figuro 3 estus facile mislegebla kiel **3.( XX )**.

Por doni pli bon-kvalitan bildon, modernaj skaniloj havas komputilajn programojn, kiuj aŭtomate optimumigas la helecon, ili uzas ne unu mezuron por la tuta paĝo, sed funkcias dinamike. Tio estas, ili daŭre mezuras la lumon sur ĉiu parto de la skanata paĝo kaj ŝanĝas la helecon laŭ tio.

## Kial teksto estas pli bona ol bildo?




Ĉina proverbo diras, ke unu bildo valoras mil vortojn. Eble. Komputila leĝo simile diras, ke unu bildo okupas pli da disko-spaco ol mil vortoj. Kial? Ni prenu simplan ekzemplon; bildon de la vorto 'kato':



Se ni konservas ĝin kiel elektronika bildo en la komputilo, la unuaj du linioj da pikseloj estos esprimitaj per bitoj, tiel:

| | | |
|---|---|---|
| 0000000000000000000000000 | = 25 bitoj | (Tut-vorte: |
| 0100100010001111100011000 | = 25 bitoj | 200 bitoj) |

Ni povas densigi tiun bildon. Tiel aspektus la unuaj du linioj:

| | | |
|---|---|---|
| (25 x 0) | = 6 bitoj | (Tut-vorte |
| 01001(3x0)1(3x0)(5x1)(3x0)11(3x0) | = 24 bitoj | ĉ.150 bitoj) |

Sed, se ni povus ŝanĝi tiun bildon al teksto, ĝi okupus multe malpli da spaco. En tradiciaj komputiloj, ĉiu karaktro bezonas nur 8 bitojn (1 bajton), do nia vorto "Kato" bezonus nur 32 bitojn. Multe malpli!

En la praktiko, la matematika densigo de komputilaj bildoj povas ŝpari pli da spaco ol en nia ekzemplo. Nia tipa paĝo, okupinta 650 mil bajtojn, post simpla densigo bezonus nur ĉ. 150 mil. Sed por konservi ĝian tekston, sufiĉus 1500 — la centono.
Ekzistas pli grava kialo ŝanĝi ĝin al teksto. Kiel bildo, ni povas nur redakti ĝin en la komputilo kiel bildo, ni ne povas modifi ĝin per komputila tekst-redaktilo por posta uzo, ekzemple por pretigi ĝin por aperigo en nia revuo.




## Kiel mi lernas la arton rekoni?

Sciencistoj unue donis al la komputilo gigantan bildan bibliotekon de liter- kaj cifero-formoj kun informo kiu karaktro estas prezentata. Poste, kiam uzanto donis al la komputilo tekston por legi, ĝi trovis sur la paĝo la unuan karaktron, kaj foriris al sia biblioteko kaj serĉis tra la tuta kolekto por trovi kiu stokita formo plej similis al ĝi.
La serĉado bezonis longan tempon, kaj nur la plej potencaj komputiloj povis rekoni la karaktrojn sufiĉe rapide por utili. La nombro de serĉataj karaktroj estis giganta, ĉar oni devis stoki ne nur unu **a**, sed multajn, unu por ĉiu stilo kaj grandeco, ekz:

a*a***a**,a*a***a**,a*a***a**,a*a***a**,a*a***a**,a*a***a**,a*a***a**,aa**a**,aa**a**,aa**a**,aa**a**...

Poste, la esploristoj trovis pli ekonomian solvon, kiu nomiĝas elemento-analizado. Ili provis priskribi la karaktron laŭ elementoj (vidu la sekvan paĝon): kiom da "truoj" ĝi havas, kiom da rektaj linioj, kiom da rondaj, kiaj, ktp. Necesis trovi kelkajn utilajn mezurojn aŭ mezur-kombinojn, kiuj plej bone difinas la literon. Tio estas, ili restas tre konstantaj sendepende de la grandeco de la litero, sed aliflanke taŭgas por apartigi la karaktron disde aliaj kun simila formo, ekzemple B kaj 8, 2 kaj Z.

Ni klarigos tion pli en nia venonta numero.



Intertempe, 110-bita kato adiaŭas vin!

# Rekonu unu vorton!

Ni prezentas unu simplan kvin-literan Esperantan vorton. Ni priskribas ĝin, tiel, kiel komputilo komprenus ĝin. Tio bezonas tutan paĝon! Al komputilo, longaj kaj komplikaj priskriboj ne gravas, ĉar ĝi povas "legi" ilin tre rapide. Kompreneble, la komputila priskribo ne estas en homa, sed komputila (matematika, logika) lingvo. Ĉu vi povas legi la priskribojn kaj rekoni la vorton? Skribu ĝin sube!

Litero unu estas sen-trua. Ĝi havas unu vertikalan linion, kies supra pinto havas horizontalan dekstren-iran linion kun longo 0,7-oble de la vertikala. Meze de la vertikalo kuŝas tria horizontala dekstren-ira linio kun la duona longo (0,5-oblo) de la vertikalo.

Litero du estas unu-trua. Ĝi havas vertikalan linion, supre unu dekstren-ira linio eliras, sed formas duon-cirklon por reveni ĝis la meza punkto de la vertikala linio. De tiu meza punkto diagonala linio iras suben dekstren.

Litero tri estas sen-trua kaj sama kiel la unua litero, sed havas aldone kvaran horizontalan dekstren-iran linion ekde la suba punkto de la vertikala linio.

Litero kvar estas sen-trua kun du tuŝantaj kontraŭ-direktaj duon-cirkloj, unu super la alia. La supra estas malferma dekstre, la suba maldekstre. Super ĉio (ne tuŝante la ceteran literon) du diagonalaj linietoj formas tegmenton.

Litero kvin estas unu-trua. Ĝi konsistas el tri linioj, du diagonalaj, unu horizontala.
La diagonaloj estas egale longaj kaj tuŝas unu la alian supre.



# Krucenigmo famuloj




**Sendu viajn respondojn ĝis la 31a de oktobro. Ni lotumos premiojn!**

## Horizontale

4. Tre kapabla kaj lerta, kaj pro tio fama. "El ĉiuj sciencistoj, li estas la plej ______a." *(radiko)*
7. Plur-kolora ŝtofo-peco, kiun oni ligas al masto por montri la apartenon al lando, urbo aŭ regiono. "La provinca ______ estis rekonebla supre sur la urbo-domo."
8. Senduba. Por vere koni ion, vi devas esti ______ pri ĝi.
9. Duon-vera kono. "Niaj konoj pri famaj homoj el antikvaj tempoj, foje havas bazon ne tiom en realo, sed en ______.
10. Bone konata homo (ekz. kantisto, sportisto). "Ĉiu konas ŝin, ŝi estas tre ______ en nia lando!"
13. "Ni ne povas pruvi aŭ kontroli, kion li diras. Ni devas ____ lin."
14. Malpreciza. "Ni bezonas iun, kiu scias precize la aferon. Ne sufiĉas via ______ memoro."
16. Serio de ŝanĝoj. "Infano bezonas multajn jarojn lerni *rekoni literojn*. Legado estas kompleksa ______."

## Vertikale

1. Havi precizan kaj bonan scion pri iu aŭ io. "Mi volas ______ vin pli bone."
2. Havi mensan bildon pri iu aŭ io, bazita sur supozo. "Mi povas ______, ke en la palaco, la plafonoj estas oraj!"
3. Eĉ ______ egaluloj, troveblas estro. "Ni ĉiuj estas egalaj, sed

______ ni, iuj estas pli egalaj ol la aliaj."

5. Iu kun apartaj aŭ unikaj talentoj, estas tia.
6. Iu, kiu ne kondutas kiel la plimulto de homoj. "Eble li estas brila, tamen, li certe estas ______!"
11. Admiri forte. "Kiam la konata kantistino aperis en jubilea koncerto, miloj venis ______ ŝin."
12. Demand-sesio, en kiu eblas rekoni, kiu estas plej scio-hava.
15. Havi informon en la kapo. "Mi volas ______, kiel funkcias komputilo."

## Miksu la literojn!

Prenu la literojn de REKONAS. Miksu ilin por nomi tian tuŝon, kiun ĉiu ŝatas (ankaŭ katoj!):

□□□□□□□

Nun prenu la vorton RE-REKONON, miksu ĝiajn literojn por formi adverbon, kiu informas, kiel la kato reagas je tia tuŝo:



□□□□□□□□□□

## Ni rekonas ricevaĵojn denove

📖 *Mia indiana Knabeco* de Luther Standing Bear kaj *Rakontoj Prapatraj Pri Nia Lando Antaŭ Multaj Jarcentoj Kiam Okazemis Aferoj Mirindaj* de Doko. Jen du plaĉaj novaj libretoj de la eldonejo Bero en Kalifornio, kiu jam eldonis dekon da diverstemaj verkoj. La long-titola verko nur ŝajnas havi historian fonon, kiel la unua. Ĝi fakte kreas neveran infanan mitologion por nia esperantista komunumo; diversaj legendoj klarigas la originon de niaj afiksoj kaj aliaj lingvaj apartaĵoj.

📖 *KTP!* estas la vigla du-lingva revuo de la Usona Esperantista Junularo. 📖 *Infana babilemo sen limoj* venas regule el Limousin en Francio, kunmetante ilustritan materialon el plej diversaj fontoj (inkl. *Juna amiko*). Mendu: Pomarbo, Les Monneries, FR-87200 Saint-Brice.

***Atentu:*** Redaktoro Stefan MacGill kaj familio intencas foresti el Hungario de decembro 1996 ĝis marto 97. Unu numero de *Juna amiko* estos en tiu tempo gaste redaktata. Via rutina poŝto (mendoj, abonoj, korespond-petoj, konkurs-respondoj, kontribuaĵoj) estos traktita.

Ni prezentas bildan ŝercon. Studu ĝin. Ĉu vi komprenas la ŝercon? Se ne, la sekvaj demandoj helpos al vi kompreni ĝin. Se jes, tamen respondu la demandojn kune en grupoj:




1. Kio estas la profesio de la tri homoj, kiuj sidas kaj rigardas?
2. Ili devas studi ion. Kion? Kial sciencistoj faras tiajn studojn?
3. Kio estas spegulo? Kion vi vidas, se vi rigardas en spegulon?
4. Kio estas unu-direkta spegulo? Kio estas la diferenco inter ordinara kaj unu-direkta spegulo? Por kio oni uzas unu-direktajn spegulojn?
5. La virina sciencisto diras "Je la ĉielo!" Kion signifas tiu esprimo?
6. Kiom-longe ili jam sidis kaj studis la studaĵon?
7. Dum tiu tempo ili ne rekonis gravan eraron (mis-komprenon). Kiun?
8. Kion ili kredis, ke ili studis? Kion ili fakte studis?

***Imagu, ke vi estas unu el la sciencistoj. Dum la duona horo vi rigardis en la simio-ĉambron kaj skribis notojn pri la agoj de la "simioj". Kiujn notojn vi skribis?***

# KVIZO PRI FAMULOJ

Ni prezentas faktojn pri naŭ famuloj. Ni donas kvin faktojn pri ĉiu. Laboru en grupoj kaj divenu la famulon. Post la dono de ĉiu fakto, ĉiu grupo skribu unu respondon kaj laŭvice diru ilin. Oni perdas nenion, se oni donas malĝustan respondon, do ne timu diveni. Kiu(j) diris la ĝustan famulon post aŭdo de nur unu fakto ricevas 5 poentojn. Post du faktoj, 4, post tri, 3, post kvar, 2 kaj post ĉiuj kvin faktoj oni gajnis nur unu poenton.

Ne disdonu la skriban tekston, kviz-estro laŭt-legu la demandojn. Prefere donu laŭvice la kvin faktojn pri unu famulo, poste pluiru al la sekva famulo. Ni aranĝas la faktojn ĉi tie alimaniere, por ke niaj legantoj ekster grupo povu diveni pri ĉiu famulo, sen tuj vidi la pli simplajn (pli-postajn) faktojn.

## Unuaj faktoj pri la naŭ famuloj

**Homo 1:** Germana komponisto kaj pian-artisto, vivinta de 1770 ĝis 1827.
**Homo 2:** Nederland-devena usonano, li vivis inter 1847 kaj 1931.
**Homo 3:** Ital-devena maristo, li vivis de 1446 ĝis 1506.
**Homo 4:** Instruisto, pastoro, lingvisto kaj pedagogo, vivis 1592 ĝis 1670.
**Homo 5:** Itala pentro-artisto, skulptisto, konstruisto, (1452-15l9).
**Homo 6:** Antikva greka filozofo kaj scienculo, vivinta a.K. de 384 ĝis 322.
**Homo 7:** Alban-devena virino, naskiĝinta en Skopje, 1910.
**Homo 8:** Angla natur-scienculo, li vivis inter 1809 kaj 1882.
**Homo 9:** Hungara kuracisto, vivinta de 1891 ĝis 1976.

## Duaj faktoj pri la naŭ famuloj

**Homo 1:** Unua sendependa muzikisto, liberiĝinta de la kortuma servado.
**Homo 2:** Li havis ĉ. 1000 patentojn; ricevis Nobel-premion en 1915.
**Homo 3:** Li petis helpon de la reĝo de Portugalio por navigi okcidenten, sed estis rifuzita.
**Homo 4:** En la verko *Panglotio* li pledis por arte farita lingvo, ĝenerale uzota de la homaro, 250 jarojn antaŭ la apero de Esperanto.
**Homo 5:** Lia majstro estis la pentristo Verocchio.
**Homo 6:** Atene, li estis disĉiplo de Platono; sed li rifuzis ties idealismon.
**Homo 7:** Ŝi lernis en Irlando, i.a. la anglan lingvon.
**Homo 8:** Post la universitataj studoj, li ekvojaĝis al 5-jara ĉirkaŭ-tera navigado per militŝipo por studi la naturon.
**Homo 9:** Li estis tradukisto, poeto, lingvisto kaj redaktoro.

## Triaj faktoj pri la naŭ famuloj

**Homo 1:** Li verkis nur unu operon.
**Homo 2:** Li inventis la karbo-pulvoran mikrofonon, kiu multe helpis en la perfektigo de telefonio.
**Homo 3:** Poste li realigis sian ideon helpe de la ge-reĝoj de Hispanio.
**Homo 4:** Reformanto de la instruado, lia slogano estis: "Lude lerni".
**Homo 5:** Milita inĝeniero servante al Cesare Borgia.
**Homo 6:** Fondinto kaj la unua sistemiginto de la estetiko kiel scienco.
**Homo 7:** Ŝi ricevis Porpacan Nobel-premion en 1979.
**Homo 8:** La spertoj de lia ŝipveturado aperis en la libro: *Vojaĝo de Naturscienculo ĉirkaŭ la Tero* (1839).
**Homo 9:** Li fariĝis esperantisto en 1911 kaj lia unua E-lingva poemaro aperis en 1921 (*Mondo kaj Koro*).

## Kvaraj faktoj pri la naŭ famuloj

**Homo 1:** Post la 25-a jaro li iom post iom surdiĝis.
**Homo 2:** Li ekfunkciigis la unuan elektro-centralon en la mondo (1882) kaj grave kontribuis al la evoluigo de la kinematografo (1896).
**Homo 3:** Liaj ŝipoj: Santa Maria, Niña (Etulino), Pinta (Bunta), per kiuj li en oktobro 1492 atingis la insulon Salvador (Savanto).
**Homo 4:** Li malŝatis la militon pro teruraj spertoj en la Tridekjara Milito (1609-1648).
**Homo 5:** Li interesiĝis pri anatomio; verkis pri la pentro-arto, priskribante novajn aspektojn koncerne perspektivon kaj moviĝojn.
**Homo 6:** Laŭ li la Homo estas komunuma estaĵo.
**Homo 7:** Ŝi estis direktoro kaj instruistino de geografio kaj katolika katekismo en ordena lernejo en Hindia Kalkuto, poste divers-loke fondis specialajn domojn por prizorgi mizerulojn.
**Homo 8:** En 1859 aperas lia verko *La Deveno de Specioj*.
**Homo 9:** En 1931 aperas liaj tri gravaj verkoj (*Streĉita Kordo, Rimportretoj, Eterna Bukedo*).

## Kvinaj faktoj pri la naŭ famuloj

**Homo 1:** La tria ano de la tiel nomataj "Vienaj Klasikuloj".
**Homo 2:** Lia invento estis la unua praktike uzebla ampolo (1879).
**Homo 3:** Li navigis okcidenten denove en 1493, 1498 kaj 1502-1504.
**Homo 4:** Li vivis en multaj landoj (Moravio, Pollando, Nederlando, Svedio, Britujo, Hungario).
**Homo 5:** Liaj plej famaj pentraĵoj: *La lasta Vesper-manĝo* (en Milano, Italio) kaj *Mona Lisa* (en Parizo, Francio).

**Homo 6:** La filozofion li distingis je tri branĉojn: teoria, praktika, poetika; la ekzisto laŭ li havas kvar kaŭzojn: formo, materio, moviĝo, celo.
**Homo 7:** Dise en multaj landoj de la mondo ŝiaj adeptoj okupiĝas pri malriĉuloj, mizeruloj, malsanuloj, en la nomo de Amo.
**Homo 8:** Lia alia tre grava verko: *La deveno de la Homo* (1871).
**Homo 9:** Li kunverkis kun aliaj: *Plena Gramatiko, Parnasa Gvidlibro*; kaj tradukis tri dramojn de Ŝekspiro (*Reĝo Lear, Somer-meznokta Sonĝo, La Tempesto*).

Oni rajtis akiri ekstrajn poentojn kiam famulo estas divenita, se oni povis diri iujn el la nediritaj faktoj pri la koncerna famulo.
La kvizajn demandojn preparis Perlo Miela kaj 'La Poeto'.
Ni aperigos la ĝustajn respondojn en la venonta numero. Premiojn ni donos por ĝustaj solvoj, kiujn vi povos sendi per la respondilo sur p. 14



**Béla BARTÓK:**

## "Nur el pura fonto"

La supra citaĵo rilatas al moralo de la internacie konata hungara komponisto: lia elira punkto koncerne la komponadon estas la vera popol-kanto. Lia muzika agado estas mult-flanka: li kolektis popol-kantojn — krom hungaraj ankaŭ rumanajn, slovakajn, eĉ turkajn kaj arabajn —, poste science esploris ilin. Li instruis pian-ludon en la Muzika Akademio de Budapeŝto, sed antaŭ ĉio li estis elstare talenta komponisto, geniulo ne nur de la hungara, sed tiu de la universala muzik-historio.

Li naskiĝis en Nagyszentmiklós (hodiaŭ Sinnicolaul Mare en Rumanio) en la jaro 1881. Kiel 5-jara jam li lernis pian-ludon de la patrino. La gimnaziajn jarojn li pasigis en urboj Nagyvárad (hodiaŭ Oradea en Rumanio) kaj en Pozsony (hodiaŭ Bratislava en Slovakio). Poste li studis pian-ludon kaj komponadon en la Budapeŝta Muzika Akademio. En 1905 li komencis kolekti popol-kantojn je la instigo de lia kolego Zoltán KODÁLY.

Li elformis tute propran muzikan stilon, kunigante la tonon de popolkantoj kaj akceptante la modernigajn klopodojn de la tiutempa Okcident-Eŭropa muzik-arto. Tiel iĝis lia nov-tona muziko unu el la plej signifaj verkaroj de la 20-a jarcento.

De 1907 li estis profesoro pri pianludo en la Budapeŝta Muzika Akademio. Dume li komponis, kaj vivis retiriĝinte. Li estis modesta, malmulte parolanta klerulo. La rekono de lia arto sia-tempe ne estis unusenca. En 1934 li komencis sian laboron pri la sistemigo de la kolektitaj popolkantoj en la Hungara Scienca Akademio.

En 1939 pro la eksplodo de la dua mond-milito li elmigris al Usono, ĉar por la komponado — kaj entute por la inda homa vivo — li bezonis liberan atmosferon. Tamen tre malfacile li povis vivteni sin. Liaj amikoj helpis lin per mendoj de nova komponaĵo. Li esperis iam rehejmiĝi, sed mortiga malsano malhelpis tiun sopiron, en 1945, en Novjorko. Nur en 1988 povis veni liaj cindroj al Budapeŝto.

El lia abunda verkaro, plej famaj estas la tri teatraj verkoj: *Fortikaĵo de la Blubarba Princo* (opero); *La reĝido farita el ligno* kaj *La mirakla Mandareno* (baletoj); du koncertoj por violono; tri koncertoj por piano; *Divertimento; Koncerto por granda orkestro; Kantato Profana; Sonato por du pianoj kaj perkut-instrumentoj; Muziko por instrumentoj kordaj, perkutaj kaj por celesto.*

Por la fino jen alia slogano de Bartók: "Mia vera idealo, kiun mi konsciegas trovinte mian vojon kiel komponisto, estas la idealo de la kunfratiĝo de la popoloj, jes, ke ili iĝu gefratoj, malgraŭ ĉiu militado kaj interbatalo. Tiun ideon mi klopodas — kiom mi kapablas — servi en mia muziko; tial neniun efikon mi ignoras, el iu ajn fonto ĝi devenas: el slovaka, rumana, araba aŭ ajna fonto. Tiu fonto estu nur pura kaj sana."

*Perlo Miela*

komponi: verki muzikon
geniulo: elstare lerta persono
klerulo: bone edukita persono
sopiro: deziro
divertimento: klasika muzik-peco por amuzo.
perkuta: kiun oni sonigas per batoj
kordo: la ŝnuro sur violono ktp.
celesto: frap-instrumento, kiel pianeto,
kun ŝtalaj lamenoj kun klavaro.

# Senŝanĝaj abon-tarifoj por 1997!

Ĉiuj perantoj kaj legantoj bonvolu noti, diskonigi kaj ĝoji: la tarifoj por 1996 validos senŝanĝe por 1997. La ĉefaj tarifoj aperas sur p. 2.
Por tarifoj en aliaj valutoj kontaktu vian landan peranton.
Sola escepto estas kotizoj fiksitaj en hungaraj forintoj (HUF). Iliaj altigoj aperas sur paĝo 2

# Rekonu iliajn profesiojn!

Jen la nomoj de aktivaj homoj. Ĉiu havas profesion, hobion aŭ apartan karakteron. Iliaj nomoj estas ne-ordinaraj. Se vi zorge legos la nomojn, vi jam povos rekoni la priskribon. Provu!

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1: | Timotea Trist | A: | dikulo |
| 2: | Aleks Trapen | B: | fervora revoluciulo |
| 3: | Donaldo Ganist | C: | japana senpacienculo |
| 4: | Kinga Pant | Ĉ: | iu, kiu sukcesis ne morti |
| 5: | Reĝi Rotasum | D: | granda manĝemulo |
| 6: | Mansur Lakcelil | E: | ekologiema biciklisto |
| 7: | Vanesa Lutis | F: | kemiisto |
| 8: | Ken Unokazu | G: | nervoza aktoro |
| 9: | Aldo Nagras | Ĝ: | paraŝutisto |
| 10: | Eki Ralkurs | H: | arkeologo pri mumia reĝo |
| 11: | Marcel Tertraf | Ĥ: | danĝera ŝip-stiristo |
| 12: | Trevoro Sabund | I: | persista strebema sportisto |
| 13: | Nikolao Nadoras | J: | bulgara pez-levisto |
| 14: | Petro Levit | Ĵ: | asistanto en televida kvizo |
| 15: | Linda Tumos | K: | podia deĵoranto en teatro |
| 16: | Marko Lizi | L: | amerikaĵ-amanto kun amikoj |
| 17: | Ana Lizist | M: | svisa olimpika konkurencanto |
| 18: | Lev Perpov | N: | rapida araba motorciklisto |
| 19: | Terence Lont | O: | iu, kiun ĉiu ignoras |
| 20: | Adela Ridet | P: | sub-aĉetema kontrabandisto |
| 21: | Kurt Entir | R: | katastrofa ŝip-navigisto |
| 22: | Gregori Beligul | S: | mon-ŝuldanto, kiu banke pagos |
| 23: | Laŭrence Lisli | Ŝ: | komencanto (eble en Esperanto) |
| 24: | Vivian Koraŭ | T: | film-ŝatanto |

**El la kvin literoj de la radiko REKON, kiom da aliaj Esperantaj vortoj vi povas formi? En la listo rajtas esti plenaj vortoj, radikoj (sen finaĵo) kaj kunmetitaj vortoj. Trovu almenaŭ ok!**

*Metropoliteno*: La romano de Varankin, kun fono en Berlino kaj Moskvo en la tridekaj jaroj, haveblas ĉe la redakcio de *Juna amiko* por vendo al loĝantoj de centra Eŭropo. Firme bindita eldono.

anonca paĝo:

## Eŭropa Poezio en Esperanto

Ĉi tiu nova gazeto celas doni forumon al tradukistoj kaj tiel prepari kaj aperigi alt-nivelajn tradukojn de la elstaraj poemoj de eŭropa kulturo.

Se vi ŝatas poemojn, se vi estas tradukema, jen gazeto por vi. Petu specimenon kaj abonu ĉe: Miklós Fehér, p/a Pf. 193, HU-1368 Budapest, Hungario. Unu abono (4 numeroj) kostas 270 HUF por Budapeŝtanoj, 310 por provincanoj, 5 IRPK por najbarlandanoj kaj 7 IRPK por aliaj. Kvar abonoj najbarlande: 14 IRPK, alie: 16 IRPK. Unu respondkupono (IRPK) = 80 HUF, = 0,90 NLG aŭ 0,80 DEM.

## Ĉu vi helpos starigi Esperanto-domon?

F-ino Anĝela Taremi prezentas T-ĉemizon, kiun ŝi desegnis por geesperantistoj. La profito de la vendado uziĝos por starigo de E-domo. Estu la unua en via urbo, kiu havas ĉi tiun belan T-ĉemizon. Bv. pagi al la UEA-konto feta-r. La prezo estas 30 NLG inkluzive ĉion. Bv. sendi vian mendon kun la dezirata mezuro (M-L-XL) al ŝi: P.O. Box 9342, Scottsdale, AZ 85252-9342, Usono.

## Kviz-kartaro por amuzaj programoj

260 verdaj plastumitaj kartoj kun demandoj pri ĝeneralaj scioj, inkluzive de la Esperanta vivo, literaturo kaj vort-difinoj. Bona por kluba, renkontiĝa, klasa aŭ familia uzo. Ĉiu demando havas kvar respondojn, el kiu nur unu estas ĝusta. Solvoj estas donitaj. Bazita sur la libreto *Ĝeneralaj scioj* de Stefan MacGill. Prezo: 15 GBP plus sendokostoj de la eldoninto: Anĝela Tellier, *Marstel*, 10 Marina Gardens, Felixstowe, Suffolk, IP11 8HW, Britio; fakso: (+44 1473) 227440. Profito de la eldonaĵo iros al nia revuo *Juna amiko*. Ĉiu mendanto ricevos senpagan specimenon de ĝi.

## Gogo kaj amikoj

**de Martin Wiechert**

Ĉu vi povas rekoni la vortojn de la kanto?...



# *Deziras korespondi...*

## Belgio

🖂 Gonzalez Manuel, Zonnewyrstraat 44, BE-2018 Antwerpen. 14-jara knabo, dez. kor. tutmonde pêt.

## Brazilo

🖂 Luiz Alberto de Oliveira Goelho, Ciep Marco Polo, Rua Iglesias Lopes, s/n, BR-25800-000 Tres Rios. Grupo de ĉ. 18-jar-uloj dez. kor. grupe k individue.

🖂Wagner Miguel Rolim Ribeiro, Rua João Goulart, s/n, Boa União, BR-25800-000 Três Rios-RJ. 16-jara knabo, bone desegnas, dez. kor. precipe kun gejunuloj el nord-eŭropaj landoj

🖂José Sérgio Carvalho da Silva, Rua N-a. S-a. Aparecida, 356, Werneck, BR-25850-000 Paraíba do Sul-RJ. 17-jara knabo, ŝatas poezion, teatron, naturon.

🖂S-ino Maria da Conceição Costa de Araújo, Rua Antonio S. Santana, 137, Caminho de Dentro, Paraíba do Sul, RJ. BR-25850-000. Dez. kor. tm., laboras en lernejo, ŝatas kuir-arton, vojaĝojn, romantikan muzikon.

🖂Rodrigo Silva de Andrade, Trav. das Flores, 385/E4/207 Mangueira, BR-24435-410 São Gonçalo RJ.

## Ĉehio

🖂Bozena Kovaĉova, U Hriste 373, CZ-54102 Trutnov 4.

## Ĉinio

🖂 Liang Nai Keng, Jiujiangji, 2 hao, CN-528000 Foshan. Dez. kor. tm. pri E kaj abako (glob-kalkulilo).

## Francio

🖂 Gerardo Rollin, 88. rue Victor Hugo, FR-37400 Amboise. Li informas pri 4-a klaso, t.e. 9-jaraj infanoj por kor. kun Eŭropa klaso por regulaj interŝanĝoj.

## Kubo

🖂 Juan Joel Torres, Calle 1ra entre José M. Sanchez, I Casa de los combatientes, Casa 4, Santo Domingo V.C. 12-jara knabo.

🖂 Raicel Garcias, Calle Fructuoso Rodriguez (sur) No.79, Santo Domingo, Villa Clara, CU-53000. 11-jara knabo dez.kor.pêt.

🖂 Banier López Ruz, Calle 21 No.10, Panqué Manacas, Manacas Villa Clara, CU-54510. 13-jara knabo dez.kor. pêt.

## Litovio

🖂 Jurgita Juzulénaité, Rutu 38; Ermina Juodiškyté, Amerikos 18; Ieva Remeikyté, Eglinó 25a; Jurgita Grandinyté, Ianlétekio 6; Ligita Buklyté, Róziu 88. Grupo de komencantantaj esperantistinoj 14-18-jaraj el la sama urbo: LT-5306 Panevézys.

🖂 S-ino Ruta Ĉepinskaite, Klubo "Tagoj de Kato", Siaures PR 21-42, LT-055-3000 Kaunas.

## Pollando

🖂 Iwo Weremko, Koncertowa 7/266, PL-20843 Lublin. 24-jara studento, dez. kor. kun hungaraj filatelistoj.

🖂 Tomasz Solak, str. Kollataja 19/7, PL-45064 Opole. 10-jara knabo, interesiĝas pri historio, ludas pianon.

🖂 Alina Sokol, ul. Lipinska 10/b/s, PL-41703 Zrvda S1. 9-jara knabino, ŝatus ricevi desegnaĵojn kaj bk.

## Rumanio

🖂 Instruistino Jolanda Józsi, Str. Patrinoarului 12, sc. A, ap. 5, RO-4100 Miercurea Ciuc, volas ricevi leterojn, gazetojn, librojn, E-aĵojn por siaj studentoj, ekspozicio kaj biblioteketo.

## Rusio

🖂 Andrej Andreeĉkin (13-jara knabo, kor. pri modeletoj, sporto, tranĉiletoj) kaj Sergej Andreeĉkin (9-jara knabo, kor. pri

pm, muziko), ul. Telmana 28A-203, RU-660111 Krasnojarsk.
Anton Troŝkin (11-jara knabo, pri pm, muziko, kalendaretoj) kaj Lena Troŝkina (12-jara knabino, pri kantado, muziko, pupoj, kalendaretoj), ul. Jenisejskaja 36-2, RU-660020 Krasnojarsk.

Por pliaj adresoj el la sama urbo kontaktu la instruiston: S-ro Valerij Malihin, Infana Esperanto-Klubo, Dvorec pionerov, ul. Konstitucii 1, RU-660049 Krasnojarsk.

7 komencantinoj, 14-15-jaraj dez. kor. kun samaĝuloj tm. pĉt.: Esperanto-klubo RU-625048 Tjumenj, a/ja 139.

### Togolando

Rikardo Sambar-Bana, S/c Soeurs de la Providence st. Paul Dekomah, B.P. 41. Sokode. E-instruisto dez. kor. tutmonde.

Tetteh Komla Didier, S/c Tetteh Komi, B.P. 105. Sokode.

### Ukrainio

Julia Malinovskaja, ul. Petrovskogo 34. g.V. Dneprovsk, Dnepropetr. O. 322570. 13-jara, dez. kor. tm. pri lingvoj, legado, kol. pm.

Igorj Ŝĉerbakov, ul. Radiŝĉeva 7/4, g.V. Dneprovsk, Dnepropetr. O. UA-322570. 14-jara knabo, pri sporto, muziko, lingvoj, libroj, kol. bk., pm.




**S**e ruĝa estis la vizaĝo de la redaktoro en la 30a de majo, kiam li verkis pardonpetan enkondukon, (dua paĝo), imagu ĝian koloron nun, meze de aŭgusto.

**K**ion fari, krom verki novan pli grandan pardonpeton, sub la nomo *Elkonduko*.

**A**masis someraj aranĝoj: du kursoj en Finnlando, E-tendaro en Hungario, duona ILEI-Konferenco, tago da UK kaj REF, du da IJS...

**R**ekordaj tamen estas niaj abonciferoj, kompare kun lastaj jaroj; la gazeto restas populara — *do iel ni devas gardi ĝin kontraŭ* tiaj malfruoj.

**L**a komitato de ILEI en ĝia 30a Konferenco aŭdis pri la neceso trovi novajn helpantojn por dividi la laboron inter pli da personoj.

**A**l pli forta gazeto por niaj junaj legantoj ni strebu! Freŝajn fortojn, kun novaj ideoj kaj entuziasmo, ni bonvenigu!

**T**io rilatas egale al novaj verkantoj kaj redaktoroj (ĉefaj aŭ helpaj), kiel al administrantoj, ekspedantoj kaj varbantoj.

**A**rtikoloj, interalie pri famaj homoj (Ŝekspiro, Harvey) devos atendi la postan numeron, kun pardonpetoj al la verkintoj.

*Redaktoro kun skarlata vizaĝo,*

Stefan
18 Aŭg 1996

# PARA - FINO

Posttagmezo. Matineoj.
Polonezo. Du tineoj.

Spontanea granda amo.
Par' tinea mam' ĉe mamo.

Nokto venas. Jen kandelo.
Koroj svenas. Am-fabelo.

Vera amo ne mensogas.
Luma flamo tre allogas.

Flam' kandela. Par' koketas.
Kor' fidela. Par' baletas.

La kandel' el parafino.
Flam-ekhel'
kaj ..
para fino.





Sabine Trenner

**Rekono por *Juna amiko***

"Ni estas kontentaj pri *Tendaraj tagoj* kaj *Juna amiko*, ni atendas ĉi-momente aliĝantojn por la daŭriga infan-kurso."

*el Nederlando.*

La lastaj enigmoj estis tre "bongustaj"

*el Brazilo*

Ni gratulas vin pro la laboro, tre plaĉas al ni la teatraĵoj, aperigu novajn!

*el Francio*








matineo: taga teatraĵo
polonezo: vigla danco
tineo: nokta papilio
spontanea: sen-prepara
svenas: perdas konscion
mensogi: ne diri la veron
allogas: altiras, alvokas
koketas: amindumas
baletas: dancas bele
parafino: speco de vakso
hela: brile luma

Kiel ni aspektas? Tion ni povas kontroli ĉe spegulo. Ni decidas, ĉu ni aspektas agrable por aliaj. Ni ĉiam deziras, ke aliaj havu pozitivan imagon pri ni. Ni volas, ke ili rekonu niajn bonajn kvalitojn. Se iu havas belan vizaĝon, tio helpas konvinki homojn pensi, ke tiu estas agrabla homo. Sed kiel beligi la vizaĝon... kaj eble ne nur ĝin?

# MASKOJ

*Sabine Trenner, Germanio*

Je mateno post vekiĝo
ĉiam nur la samo ago:
plej rapida ellitiĝo
kaj preparo por la tago.

Decas bele sin ja vesti,
kombi, ŝminki kaj parfumi,
ĉar nur belaspekte esti
nomas jen ni kulturumi.

Ho, imagu katastrofon,
kiun foje mi travivis:
preterpasis la spegulon —
vizaĝfaldoj ekskluzivis.

Naŭza, aĉa fac-fiasko,
Eĉ grimac' de fi-pajaco.
Ĝis min kaptis la sagaco:
Al mi mankis — mia masko.






deci: esti laŭ normoj de bona konduto.
ŝminki: pentri vizaĝ-partojn (lipojn ktp.)
parfumi: bon-o dorigi
kulturumi: konduti laŭ leĝoj de civilizacio
io ekskluzivas: nur ĝi videblas, nenio alia
naŭza: malbonega
fiasko: katastrofo
faco: surfaco de io (ĉi tie, vizaĝo)
grimaco: malbela vizaĝa aspekto
pajaco: groteska klaŭno
sagaco: saĝeco